# HAMBURGA ESPERANTO-SOCIETO R.A.
# ESPERANTO-VEREIN HAMBURG E.V.

## INFORMILO 2.83

HES-klubejo: Klaus-Groth-Str. 95, 2000 Hamburg 26, apud U 3-stacio „Burgstr.", T. 250 30 65
Informilo-redaktado: Thomas Bormann, ~~Schürstr. 20, 2050 HH 80, Tel. 738 45 68~~
Koppel 94, 2000 Hamburg 1, T. 246 245
Konto de HES: 173 22-207 (Postscheckamt Hamburg) „Esperanto-Verein Hamburg".

Nia programo: (Komenco ĉiam je 20-a horo, klubejo malfermita ekde 19-a horo)

februaro 1983:

3-a: JARĈEFKUNVENO

10-a: La klubejo malfermiĝos jam je la 16-a horo. Ni festos la naskiĝtagon de Hella Lanka.

17-a: Karl-Heinz Hoffmann prezentos libro-recenzojn kaj Esperanto-kantojn, kiujn li surbendigis de la Esperantlingva programo de Svisa Radio Internacia.

24-a: Dum somero 1982 Ellen Eggers vojaĝis tra Ĉinio. Ĉi-vespere estos la unua parto de ŝiaj rakontoj kaj lumbildoj pri Ĉinio.

marto 1983:

3-a: Werner kaj Elsbeth Bormann raportos pri la Nederlanda Esperanto-Kongreso fine de februaro.

10-a: Hodiaŭ vespere okazos la dua parto de la prezentado pri la vojaĝo al Ĉinio de Ellen Eggers. (vidu ĉe 24.2.83)

17-a: Ni aŭdos sonbendon pri tre soleneca koncerto en Sankt Emmerau okaze de la IFEF-kongreso en Regensburg. Ges-roj Bormann krome montros 36 lumbildojn pri tiu kongreso. Kaj ankaŭ ni povos aŭskulti al sonbendo pri la telefon-intervjuo inter NDR 2 kaj Lu Wunsch-Rolshoven de la 27-a de decembro pasintjare.

24-a: Ni lernu kaj ludu: Maloftaj vortoj el PIV.

31-a: La vespero antaŭ pasko - ovovespero (ov ov espero).

Nia programo por aprilo 1983:

7-a: Kio grava okazis en la pasinta monato?

14-a: Komenco jam je la 18-a horo: Ni povos ĝui "Eŭropan manĝon", kiun kuiros Heinrich Wielgus.
Tiu speciala vespero okazas kadre de ĉeno da ankaŭ publikaj aranĝaĵoj por veki intereson pri la Eŭropa demando. Kunordigas tiujn aktivecojn la "Laborrondo Esperanto el anoj de la Hamburga administacio".

21-a: Kaj denove ni havos eksterordinaran "eventon" en tiu printempo. Verŝajne je tiu vespero vizitos nin la teatra duppo "La Krizalido" el suda Fancio. Ili prezentos al ni prosefinivele interesan teatraĵon "La evento". Enirprezo estos 10 DM.
Vi aŭdos pli da detaloj en la klubo aŭ en la venonta informilo. Legu ankaŭ la specialan artikolon en tiu ĉi informilo.

28-a: Ni denove havos membrokunvenon: Sola tagorda punkto estas prepari nin por la Germana Esperanto-Kongreso en Bad Säckingen.
Aliĝilon kaj detalan informilon pri tiu pentekosta kongreso vi trovas en la GEA-gazeto "Esperanto aktuell".

<u>Berlinanoj lernas en nia klubejo</u>

Ĉar al multaj Esperanto-parolantoj el Berlino tiom plaĉis nia klubejo, ili intencas estonte ofte viziti nin grupe kaj aranĝi ĉi tie lingvokursojn por homoj, kiuj volas lerni Esperanton aŭ perfektiĝi en siaj lingvoscioj.
La unua tia semajnfina kurso okazos de la 25-a ĝis 27-a de februaro 1983. Jen koncize la programo:

| | | |
|---|---|---|
| 25.2. | 18-a horo: | Enkonduko en Esperanton. |
| 26.2. | 9.30 - 12.00 | kurso |
| | 13.00 - 15.00 | kurso |
| | 15.00 - 18.00 | kaftrinkado kun hamburganoj kun informoj pri Esperanto |
| | 18.30 - 20.00 | kurso |
| | ekde 20.00: | libera vespero |
| 27.2. | 9.30 - 12.00 | kurso |
| | 13.00 - 15.00 | kurso |
| | 15.00 - 16.00 | fina kaftrinkado, resuma interparolo, revojaĝo |

PS: Ankaŭ vi povas aliĝi al la semajnfino
Demandu Henrikon: 25 29 36

La HES-anoj [illegible]stas speciale bonvenaj sabaton posttagmeze.
Bv. veni ama[illegible] por paroli kun niaj Berlinaj geamikoj.

## D-ro Wim de Smet prelegas en Hamburgo

Merkredon, la 6-an de marto 1983, d-ro Wim de Smet prelegos en la universitato de Hamburgo. La prelego estos germanlingva kaj okazos posttagmeze. D-ro de Smet el Belgio parolos kiel Prezidanto de la Eŭropa Klubo.
Bv. atenti la specialan inviton en nia klubejo.

## Publiko serĉata

Ĵaŭdon, la 10-an de marto 1983 la Laborrondo Esperanto el anoj de la Hamburga administracio faros la publikan nombradon de la voĉdoniloj de la membroelektoj en la Akademio de Esperanto de 1982. La nombrado okazos inter la 16-a kaj 18-a horo en la oficejo por river- kaj havenkonstruado ("Strom- und Hafenbau"), Dalmannstr. 3 (Freihafen!), enirejo en la dekstra domo, teretaĝo, salono 61 aŭ 62 (indikota).
Bonvolu veni amase. Poste ni povos kune iri al la klubejo, kie okazos la klubvespero.

## Ŝranko serĉas posedanton

Ida Jasker (tel. 54 44 08) havas bonkvalitan ŝrankon por fordonaci. La grandeco estas 140 (larĝo) x 155 (alto) x 40 centimetroj. Sube ĝi havas du pordojn, supre 2 tirkestojn, tri bretojn kaj vitropordojn. Se vi interesiĝas pri tiu ŝranko, simple altelefonu Ida!

## Keglado

en gastejo „Wappenhof", Borgfelder Str. 14
(ĉe U-/S-stacio „Berliner Tor"); je la 20-a horo.
Jen ĉiuj datoj por 1983: 25.2. 25.3. 22.4. 20.5.
15.7. 12.8. 9.9. 7.10.
4.11. 2.12. 30.12.

Cetere: La informilon nun ekspedas
Friedel Kogel! (Tel. 34 39 13)

# LA KRIZALIDO
## TEATRO INTERNACIA de AKVITANIO

21.4.83 en klubejo

prezentas




skeĉo de GUY FOISSY

reĝisoris : LAALA

tradukis Lagrange

# HAMBURGA ESPERANTO-SOCIETO R.A.
# ESPERANTO-VEREIN HAMBURG E.V.

## INFORMILO n-ro 3.83



HES-klubejo: Klaus-Groth-Str. 95, 2000 Hamburg 26 (ĉe U 3-stacio "Burgstr.", Tel. 250 30 65

Informilo-redaktado: Thomas Bormann, Koppel 94, 2000 Hamburg 1, Tel. 246 245

HES-prezidanto: Heinrich Wielgus, Elise-Averdieck-Str. 34, 2000 Hamburg 26, Tel. 25 29 36

Konto de HES: Postscheckkonto Hamburg 173 22-207


NIA PROGRAMO:

aprilo 1983:

21-a: PROGRAMŜANĜO! Bedaŭrinde ni nenion plu aŭdis de la teatra trupo Krizalido; sekve la teatraĵo ne povos okazi.
Anstataŭe Karl-Heinz Hoffmann prezentos al ni sonbendon de elsendo de Svisa Radio Internacia pri Edmond Privat.

28-a: Okazos MEMBROKUNVENO prepare al la Germana Esperanto-Kongreso, kiu okazos dum pentekosto en Bad Säckingen - 870 kilometrojn for de Hamburgo.

majo 1983:

5-a: Thomas Bormann referos pri la temo "Problemoj kaj sekvoj de nokta kaj skipa laboro".

12-a: ĈE-ELLEN-IR-TAGO! Promenemuloj renkontiĝas je la 15-a horo ĉe la S-stacio Wellingsbüttel por promeni tra la Alstervalo al la domo de Ellen Eggers en Minsbekkehre 4, Poppenbüttel. Nepromenemuloj venu je la 15.30 horo al Ellen. Kaj ne forgesu kunporti kukojn!

19-a: August Weide raportos pri sia restado en Koreio.

26-a: Je tiu post-pentekosta ĵaŭdo ni havos unuajn freŝajn raportojn pri la okazintaĵoj en la Germana Esperanto-Kongreso en Bad Säckingen.

ZUR EUROPAWAHL 1984:

# EINE SPRACHE FÜR EUROPA

## SPRACHLICHE VERSTÄNDIGUNG BEI KULTURELLER VIELFALT

**Referent:**

## Dr. habil. LUTZ ROEMHELD

**Dozent an der Universität Dortmund**
**Europäischer Generaldelegierter der EFP**

## Am Mittwoch, dem 4. Mai 1983,

**dem Vorabend des Europatages,**

## um 19.30 Uhr
## im Teehaus in den Wallanlagen

**Holstenwall 11 · 2000 Hamburg 36**
**(gegenüber Handwerkskammer, Beschilderung »Altentagesstätte«)**

**Es laden ein:**

Arbeitskreis
INTERNATIONALE SPRACHE ESPERANTO
aus Angehörigen der hamburgischen Verwaltung

GESELLSCHAFT FÜR SPRACHGRENZÜBERGREIFENDE EUROPÄISCHE VERSTÄNDIGUNG
SOCIETO PRI LINGVOLIM-TRANSPAŜA EŬROPA INTERKOMPRENIĜO
EuropaKlub e.V.
LANDESGRUPPE HAMBURG

EFP

Europäische Föderalistische Partei
Hopfensack 6 2000 Hamburg 11 **T. 33 85 04**

Verantwortlich: EFP-Landesverband Hamburg

NIA PROGRAMO POR JUNIO 1983:

junio 1983:

2-a: Gesinjoroj Sudec montros lumbildojn el Greklando.

9-a: Elsbeth Wielgus elserĉos kelkajn strangajn vortojn el PIV kaj demandos nin pri ilia signifo.

16-a: Karl-Heinz Hoffmann prezentos al ni sonbendon kun interesa surbendigaĵo de Svisa Radio Internacia.

Keglado

okazas ĉiun kvaran vendredon en la gastejo "Wappenhof", Borgfelder Str. 14, 2000 Hamburg 26 (ĉe stacidomo "Berliner Tor") ĉiam je la 20-a horo.

La venontaj datoj estas: 22.4. 20.5. 15.7. 12.8.

# 61a Germana Esperanto-Kongreso de la 20a ĝis la 23a de majo 1983 Pentekoston en Bad Säckingen

Bad Säckingen (15000 loĝantoj) estas la plej nova kaj plej suda germana kuracbanloko. Ĝi situas apud Rejno en la ĉarma pejzaĝo inter la Suda Nigra Arbaro kaj Svislando, 30 km oriente de Basel. Dum multaj jarcentoj la monaĥineja urbo estis centro de la regiono Hotzenwald. Hodiau oni ekrenkontas la historion ĉe la 400jara tegmentita lignoponto, la plej longa en Europo. Post modela restaurado, la ĉefkirko de Sankta Fridolin kaj la imponaj burĝaj domoj denove brilas. La Trumpetista Kastelo en la malnova parko kaj la lago Bergsee memorigas pri la neforgesebla poezio de Viktor von Scheffel, kies poemo "La Trumpetisto de Säckingen" famigis la urbon tra la mondo.

Komence de 1980 la urba turisma oficejo eldonis allogan kolore ilustritan prospekton en Esperanto pri Bad Säckingen kaj ĝia ĉirkauaĵo. Dum Trilanda Renkontiĝo de francaj, germanaj kaj svisaj esperantistoj la 2an de majo 1981 Esperanto-strato estis inaugurita antau la plej granda lernejo de Bad Säckingen. Dum la 61a Germana Esperanto-Kongreso Pentekoston 1983 flirtos la flagoj de la ĉeestantaj nacioj kaj la Esperanto-flago en la ĉefa strato de Bad Säckingen.

... kaj ĉu vi jam aliĝis al la kongreso en Bad Säckingen?

Se ne, en la klubejo estas ankoraŭ sufiĉe da aliĝiloj!

# HAMBURGA ESPERANTO-SOCIETO R.A.
# ESPERANTO-VEREIN HAMBURG E.V.

## INFORMILO n-ro 4.83

HES-klubejo: Klaus-Groth-Str. 95, 2000 Hamburg 26 (ĉe U 3-stacio "Burgstr.", Tel. 250 30 65

Informilo-redaktado: Thomas Bormann, Koppel 94, 2000 Hamburg 1, Tel. 246 245

HES-prezidanto: Heinrich Wielgus, Elise-Averdieck-Str. 34, 2000 Hamburg 26, Tel. 25 29 36

Konto de HES: Postscheckkonto Hamburg 173 22-207

NIA PROGRAMO:

junio 1983:

23-a: Franziska Babin-Witters parolos al ni pri la arto pentri per olefarboj.

30-a: Aúskultante novajn Esperanto-kanzonojn ni kunmetos kaj faldos broŝuron, eble la liston "Pasporta Servo" aú la novan GEJ-gazeton. Por ĉiu estos unu libera trinkaĵo regalita de GEJ.

julio 1983:

7-a: Kio grava okazis en la pasinta monato?

14-a: Nicolas Babin referos pri la franca nacia festotago, la 14-a de julio.

21-a: Heinrich Wielgus parolos pri kaj montros la gotikan skribmanieron (Syterlin). Ĉu vi ĝin konas (ankoraú)?

28-a: Feria programo: Klubejo malfermita; programo laú deziroj de ĉeestantoj.

aúgusto 1983:

4-a kaj 11-a: Feria programo: Klubejo malfermita; programo laú la deziroj de ĉeestantoj.

18-a: Ni aúdos raportojn pri la 68-a Universala Kongreso de Esperanto okazinta ĵus en Budapeŝto. Hamburgaj ĉeestintoj raportos.



Simile aspektas niaj novaj fenestroj! Sed, en la kela etaĝo estas ankaŭ instalitaj du fenestroj. Ili estas pli multekostaj. Entute la investo sumiĝas al 14.500,- DM. La societa amikaro jam kolektis 9.000,- DM. IMAGU! Bedaŭrinde nun ankoraŭ mankas ĉ. 5.000,- DM! Ĉu Vi povus helpi? Uzu la la konton de la societo.

## Esperanto-renkontiĝo en Hamburgo

De la 23-a ĝis 25-a de septembro 1983 okazos sufiĉe granda Esperanto-renkontiĝo en Hamburgo.
Kunvenos NOGELO kaj la Germana Esperanto-Instituto por aranĝi diversajn asociajn kaj fakajn kunvenojn.

Detalan programon kaj informilon petu de:
Hella Lanka, Grünewaldstr. 2, 2000 Hamburg 52

# HAMBURGA ESPERANTO-SOCIETO R.A.
# ESPERANTO-VEREIN HAMBURG E.V.

## INFORMILO n-ro 5.83

HES-klubejo: Klaus-Groth-Str. 95, 2000 Hamburg 26 (ĉe U 3-stacio "Burgstr.", Tel. 250 30 65

Informilo-redaktado: Thomas Bormann, Koppel 94, 2000 Hamburg 1, Tel. 246 245

HES-prezidanto: Heinrich Wielgus, Elise-Averdieck-Str. 34, 2000 Hamburg 26, Tel. 25 29 36

Konto de HES: Postscheckkonto Hamburg 173 22-207

## NIA PROGRAMO

Aúgusto 1983:

25-a: Kelkaj junuloj rakontos pri la 1000-kilometra bicikla karavano al la ĉi-jara Internacia Junulara Kongreso (IJK) en Debrecen/Hungario kaj pri la IJK mem. Gerald Roemer ilustros la raportojn per lumbildoj.

Septembro 1983:

1-a: FeriFloro, kiu momente laboras por Germana Esperanto-Junularo en nia klubejo, kantos kaj gitarludos por ni. Ĉu vi jam konas lian kaseton?

8-a: Por la dua fojo ni havos faldvesperon. Ni kunmetos la paĝojn, faldos kaj krampos la ekzemplerojn de la GEJ-gazeto n-ro 5/83 kaj eventuale aliajn eldonaĵojn. GEJ dankos per unu libera trinkaĵo.

15-a: Heinrich Wielgus daŭrigos la prezenton de la malnova skribmaniero "Sütterlin". Ĉu vi ĝin konas (ankoraŭ)?

22-a: Frank Lilleike referos pri temo el sia profesia ĉiutago: La admona proceso.

23-a ĝis 25-a: GEI-seminario, NOGELO-kunveno kaj junulara renkontiĝo en Hamburgo! Priatentu la specialan artikolon en tiu ĉi informilo kaj la specialan informilon, kiun ni sendis al vi kune kun la pasinta numero de la Hamburga Informilo.

(ankoraŭ)septembro 1983:

29-a: Multaj hamburganoj ĉi-jare denove vizitis la Esperanto-kastelon Grésillon kaj raportos pri tio. Aldone ges-roj Bormann montros lumbildojn pri la ĉi-jaraj ĉeestintoj en Grésillon.

Oktobro 1983

6-a: Por tiuj kiuj ne ĉeestis la Esperanto-renkontiĝon en Hamburgo fine de septembro (vidu la specialan artikolon), okazos ĉi-vespere raportoj. Kaj tiuj kiuj ĉeestis povos diskuti, ĉu la renkontiĝo estis sukcesa.

13-a: Post la Universala Kongreso en Budapeŝto okazis post-kongreso en Vieno en Aŭstrio. Kelkaj hamburganoj partoprenis ankaŭ tiun kaj raportos pri ĝi.

20-a: Nicolas Babin referos pri serioza temo: "Aspekto kaj evoluo de Francio hodiaŭ."

25-a: (MARDO!) Okazos INFORMVESPERO por homoj, kiuj ŝatus partopreni novan kurson por komencantoj. Venigu interesitojn!

27-a: Ges-roj Sudec montros lumbildojn pri Greklando.

+ + + + + + + + + + + + + + + + + + + + + + + + + + + + + + +

<u>Esperanto-renkontiĝo en Hamburg: 23. - 25.9.83</u>

Multaj organizaĵoj invitas vin al Esperanto-renkontiĝo, kiu post kelka tempo okazos en Hamburgo:

- Germana Esperanto-Instituto okazigas sian 3-an semajnfinan seminarion. Okazos diskutoj pri lingvoekzamenoj kaj la nivelo de ekzamenoj en popolaltlernejoj. Pri tiu temo eblos aŭskulti al diversaj prelegoj de pluraj fakuloj.
  La 'laborrondo Esperanto el anoj de la hamburga administracio' krome sukcesis inviti prof. Lapenna veni al tiu seminario. Sabaton tagmeze li prelegos pri la temo "La lingvoj de la Eŭropaj Institucioj, juraj, politikaj, ekonomiaj kaj aliaj aspektoj".

- NOGELO kompetentas pri la programo de la sabata posttagmezo. Ĉiuj GEA-membroj de la kvar nordgermanaj federaciaj landoj estas kore invitataj veni al la jarkunveno de NOGELO.

- La junuloj aldone organizas kelkajn programpunktojn, kiuj speciale allogu junulojn. La junuloj loĝos kune en la klubejo.

Se vi ne jam ricevis la specialan oranĝkoloran informilon pri tiu Esperanto-renkontiĝo en Hamburgo, petu ekzempler n de:

Hella Lanka, Grüriewaldstr. 2, 2000 Hamburg 52,
Tel. 040- 89 24 07

La aranĝaĵo okazos en la bele situita "tedomo" en la parko 'Planten un Blomen'.

Nova kurso ekde oktobro

Ĉiun mardon dum la vespero okazas kurso por komencantoj en nia klubejo. Tiu kurso intertempe jam atingis sufiĉan progresintecon. Maturas do la tempo por nova kurso, kiun Frank Lilleike denove pretas gvidi.
La informa vespero por tiu nova kurso okazos je mardo, la 25-a de oktobro 1983 ekde la 19-a horo. Helpu ke ni havu plenan domon!

Arto en Hamburgo

Ĉiu-jare dum semajnfino en novembro la Landa Ligo Hamburg de Germana Esperanto-Junularo invitas al seminario pri iu ne-Esperanta temo. Ĉi-jare tio estos "arto". Se vi interesiĝas pri pli da detaloj, demandu ĉe:

Gerald Roemer, Lutterothstr. 17, 2000 Hamburg 19,
Tel. 040- 491 71 94

La dato jam estas fiksita: 11-a ĝis 13-a de novembro 1983.

Keglado

okazas ĉiun kvaran vendredon en la gastejo "Wappenhof", Borgfelder Str. 14, 2000 Hamburg 26 (ĉe stacidomo "Berliner Tor") ĉiam je la 20-a horo.
La venontaj datoj estas: 9.9. 7.10. 4.11. 2.12.

Bonega vizito

Dum kelkaj fru-aŭgustaj ĵaŭdoj en nia klubejo nur estis tre malmultaj homoj por renkontiĝi, nur 6 ĝis 9. Sed je la 18-a de aŭgusto, kiam la programo rekomenciĝis, ni estis 28 personoj, kiuj aŭskultis la raportojn pri la Universala Kongreso en Budapeŝto.

# 27a INTERNACIA SEMINARIO




La jam tre tradicia Internacia Seminario ĉi-jare okazos tre proksime al Hamburgo: en Niendorf apud Lübeck ĉe la Balta Maro. Do kaŭzo iri tien almenaŭ por la silvestra balo; des pli ĉar la IS ne plu estas pure junulara, sed ankaŭ mezaĝula.

## «La libera homo kaj 1984»

27-a de decembro 1983 ĝis 3-a de januaro 1984